# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

PLENUMITA 08/12/2016 Ducentnaŭdeknaŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **633,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

## La Zamenhofa tago 2016








**LA ESPERO** Esperanta himno Ctrl + klaku

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Bona Filmo. Bonega Monda Esperanto-Reklamo

https://youtu.be/oqQ-tHVb49w?t=10






Trian fojon mi metis ĉi tiun ligon en la novaĵleteron sed almenaŭ unu de miaj amikoj ne ctrl-klakis la ligon por aŭskulti la esperantan scenon de la filmo! La patro ordonis la filinojn „Ne parolu Esperante!“ Laŭ mi, li diris tion por sciigi la spektantojn kiun lingvon la filinoj uzis. Informu niajn AE-legantojn pri viaj opinioj pri la filmo

Roger Springer

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La vivo de elektoj.



Ĉu pluvos aŭ ne ? Ĉu surmeti mian pluvsurtuton? Mi devas elekti. Kial la veterprognozo estas tiom necerta? Do mi devas mem prognozi. Vento el la okcidenta sudokcidento. Neniuj nuboj tie. Do mi elektas.

Ĉu forsegi tiun branĉon? Dependas ĉu la apuda arbeto kreskos tien por plenigi la malplenan lokon. Do kion fari? Mi ne scias, kion elekti.

Ĉu spirege kuri al la aŭtobushaltejo? Ĉu mi trafos la aŭtobuson? Nur kvaronan kilometron. Aŭ ĉu malkure piediri por la sekvonta aŭtobuso, kaj alveni malfrue ĉe 3ZZZ-radiostacio? Franciska ne gajos. Kion fari? Elekti. Cetere ĉu renkonti la gajan samfamilianon kiu perdis sian gajan amikon kaj nun aspektas malgaja? *He lost his gay friend and does not look gay anymore,* en la bela angla lingvo.

Ĉu manĝi la bonodoran postmanĝaĵon dum mia stomako jam plenas? Aŭ ĉu eliluziigi mian gastigantinon? Kion elekti?

Antaŭ multaj jaroj mi esperantigis libreton de Profesoro Pannekoek titolitan Antropogenezo, la deveno de la homa raso. Ĝi eldonatis de S.A.T., kaj eble vi ŝatas aĉeti la libron. Elektu! Referencante multajn specialistojn pri la deveno de la homo el simiaj rasoj, li klarigis ke la homo evoluis el bestoj precipe pro la formo de nia mano, tiel ke la homo devis lerni elekti el pluraj malsamaj iloj por uzi la naturon, kaj ke nia cerbo pro tio kreskis grandege, kvankam la stulteco de ni, homoj, ne kredigus tion. Sed estas ĝuste pro tiu neceso elekti el diversaj iloj, ke ni fariĝis tre inteligentaj kaj tre stultaj. Elektu legi la verkon. En Esperanto aŭ en la nederlanda. Cetere la bona profesoro ne mem estis specialisto pri ĉi tiu scienco. Li estis astronomo, kaj ankaŭ marksisto. Do li verkis multajn libretojn pri marksismo kaj pri politiko, kaj diris al Lenin: "Ci ne estas marksisto nek komunisto, ĉar ci estas bolŝevisto, kaj ciaj ideoj gvidos la rusan revolucion al ŝtatkapitalismo". Nu, unu el liaj studentoj havis en tiu tempo la plej altan I.Kvo, inteligenteckvoton en Nederlando. Ankaŭ li estis bona, t.e. nelenina, marksisto, kaj unu tagon mi menciis al li, ke je la morgaŭo okazos Esperanto-kunveno en Bruselo pri marksismo. Do li petis al mi mian lernolibron, tralegis ĝin dum la sendorma nokto, sciis pro tio la tutan Esperanton, kaj la sekvantan matenon li biciklis el Amsterdamo al Bruselo kaj tie vespere prenis parton en la Esperantaj diskutoj pri marksismo. Bezonis mi tutan jaron por atingi la saman nivelon. Lia nomo estis Bruun van Albada, astronoma profesoro pri astronomio, kaj ankaŭ membro de S.A.T. Liaj aspekto kaj nomo montras kelkjarcentan devenon el de portugalaj enmigrintoj. Jes, jam tiam Eŭropo havis svarmojn da enmigrantoj.

Malgraŭ tio mi plu devas elekti.

Ĉu kredi mian kuraciston aŭ ĉu pensi ke li eble eraras?

Ĉu resti vegetarano kaj postuli, ke la eskimoj kreskigu legomojn aŭ manĝu nur marplantojn ja haveblajn nur en la somero? Elekti. Ĉu rifuzi bongustan nevegetaran manĝon de Esperantista gastigantino? Mi ne scias, kion elekti.

Ĉu afable diri al sidneja franca Esperantistino ke mi ne tute samopinias aŭ ĉu diri malafable, ke mi tute ne samopinias kun ŝia manko de respekto al Esperanto? Kion elekti?

Ĉu bonvole rideti al samideanino melburna, kiu helpis brazilanon ruinigi A.E.A-on? Aŭ ĉu pardoni al ŝi ĉar ŝi ne kapablis juĝi? Mi ne scias, kion elekti.

Ĉu koleri al mia nepino ĉar ŝi donas venenajn sukeraĵojn al siaj infanoj, ja miaj pranepoj? Aŭ ĉu resti amema kaj ne mencii, ke jam kuracisto Einovici, konata Esp.isto de Pertho, avertis min ke sukero estas grava veneno por la homa korpo? Kion elekti?

Ĉu diri al mia edzino ke mi amegas alian virinon? Mi ne scias, kion elekti.

Ĉu fini ĉi tiun verkaĵeton dum la malfrua vespero, sendorme, aŭ ĉu fini ĝin morgaŭ?

Certe ne finiĝis mia bezono daŭre elekti en la vivo, ĉar mi estas homo kaj ne besto. Ofte malfacila.

Marcel Leereveld.

# *Gratulojn al Marcel Leereveld – 99 jaraĝa!*

*Membroj de la Melburna Esperanto klubo, kaj Esperantistoj ĉirkaŭ Aŭstralio gratulas Marcel Leereveld kiu atingis la grandan aĝon de 99 jaroj.*

*Lia datreveno estas la 4a de Decembro kaj niaj klubanoj festetis la eventon lundan vesperon je la 6 .30 ptm. Fakte Marcel naskiĝis en la jaro en kiu Zamenhof mortis. Li aktivis en la Esperanto Movado el de 1934 (82 jaroj)!*

*Marcel kaj lia edzino, Alida, naskiĝis en Nederlando kaj translokiĝis al Aŭstalio en 1952.*

*En 1954 li akceptis postenon en la Kvakera lernejo en Hobarto kie ili loĝis dum sep jaroj. Reveninte al Melburno en 1961 kie li kaj Alida daŭre laboris por la Esperanto Movado. Li instruis Esperanton en altlernejo dum jardekoj kaj aktivis en AEA kaj la melburna klubo dum la pasintaj 45 jaroj.*

*Ni en Melburno estas ege bonŝancaj pro lia sperta kaj malavara zorgo instrui kaj helpi nin kun nia Esperanta pliboniĝo.*



Marcel en 1947



Marcel en 2010

*Ni sendas ĉiujn bondezirojn al nia kara amiko kaj lia familio.*
*Estraro de la Melburna Esperanto-Asocio*



# La Manlia Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso de senpaga kafo

## Manlio - granda loko naĝi, por kafo kaj iom da babilo



Post kiam mi naĝis en la oceano ĉe manlia strando lastan Sabaton kun la 'Bold and Beautiful' (aŭdaca kaj bela) naĝa klubo, estis bonege vidi Eunice, Chris,

Roger kaj John je la manlia esperanta kluba kunveno por kafo kaj iom da babilo en la internacia lingvo! Informis Steven Garamy






# La Esperanto-Federacio de Viktorio

invitas vin al nia "Zamenhofa Festo"

6.30 ptm, Sabato la 17a de Decembro 2016
ĉe la "Melbourne Unitarian Peace Memorial Church"
110 Grey Street, East Melbourne.

Ĝuu vesperon de muziko, kantoj, parolado, kaj aliaj distraĵoj

Bonvolu alporti pladon

Ni esperas ke vi celebros kun ni.

★★★★

Informis Heather Heldzingen

**Reklamu viajn klubkunvenojn en nia novaĵletero**

**Ne raportitaj kunvenoj rapide velkos el historio kaj memoro**

Sendu la informon al AE, la novaĵletero, rspring@tpg.com.au

# Mi gratulas Marcel pro atingo de sia 99.a jaro

**AE dankas Marcel pro liaj klarigoj de la Zamenhofa lingvo kaj aliaj interesaj pensoj kiujn li sendis por la legantoj de ĉi tiu novaĵletero.**
**La „Aŭstraliaj Esperantistoj“ novaĵletero gajnas mondan prestiĝon kio devenas de liaj artikoloj. Preskaŭ sen ekscepto, li sendis artikolojn semajne al AE.**
**Marcel daŭre vivu sane kaj klereme kaj daŭre informu/instruu la mondon per AE**
**Roger** Springer, Redaktoro de AE










**3ZZZ** Aŭskultu la elsendon de la 5a de Decembro por havi la opinion de iu japano pri la teritoria intertraktado inter Putin kaj Abe aŭ pripensi pri la estonto de religioj.
Agrablan aŭskultadon deziras al vi la kunvokanto
Franciska Toubale



# La Novaĵletero, Aŭstraliaj Esperantistoj

La celo estas informilo por ĉiuj Esperantistoj tra Aŭstralio.
Montru diversajn flankojn de proponoj kaj kontraŭaj proponoj en nia Esperanto-movado.
Enmetu ligojn al la reto pri Esperantaj faktoj, novaĵoj, Esp-muziko, videoj ktp
Uzu bildojn, fotojn por unuigi la aŭstralian movadon
Rezultante ke dum kongresoj, niaj legantoj ne estu nekonataj fremduloj
Kreskigu ideojn per la helpo de multaj pensemaj legantoj.
Homoj kaj kluboj havu la eblecon informi pri viaj Esperantaj agoj, deziroj, esperoj, ktp
Poste ĉiuj konas la sukcesojn-malsukcesojn spertitajn kaj povos kopii la sukcesajn agojn
Ĉiu semajna eldonaĵo ebligas nuntempan informon.



**Skribu al la novaĵletero!**

